# ESPERANTA MOVADO INTER BOHEMOJ.

**Nobelova cena Zamenhofovi?** Výbor B. U. E. obrátil se k několika osobám oprávněným podávati návrhy výboru Nobelovu a získal jejich souhlas pro doporučení dr. Zamenhofa jako kandidáta mírové ceny. Návrhy podepsali poslanci: Aust, Blažek, Dvořák, Dürich, Vojna a univ. professoři Krejčí a Kádner.

**Nové publikace vydané Unií:** Upozorňujeme na serii 30 světlotiskových **pohlednic** pražských; tyto nové snímky jsou doprovázeny několikařádkovými texty esperantskými. (Viz 4. str. obálky.) Serie K 1·70 vyplaceně. — Propagační **obálky** s českým textem o Esperantu rovněž vyšly v novém vydání. Cena 50 ekz. vypl. 50 h. — Připravuje se: „Jan Amos Komenský (Comenius) La unua pioniro por ideo pri artefarita lingvo internacia“ 1592—1670. Náš nesmrtelný učitel národů vypracoval již r. 1641 ve svém díle „Via Lucis“ přesné základy pro stavbu pomocného umělého jazyka, které obdivuhodně vyhovují zásadám Esperanta. Spisek bude obsahovati asi 70 stran.

* *

**Knihovna Svazu jednotlivců** „Ligo de Bohemaj Esperantistoj“ byla obohacena letošního roku těmito knihami (viz seznamy v ročníku III., IV., V. a VI.):

č. 113. *La Revuo 1912—1913*;
č. 114. H. C. Mees: *La kaŭzo de la senlaboreco* (58 str.);
č. 115. Dr. Marchlewski: *Ekonomio socia* (67 str.);
č. 116. H. Sienkiewicz-A. Grabowski: *Ŝi, la tria*; humora rakonto (89 str.);
č. 117. *Das Esperanto ein Kulturfaktor* (187 str.);
č. 118. R. Beck: *La mistera sinjorino*, *orig. novelo* (23 str.);
č. 119. Ch. Wagner-Sam. Meyer: *Estu Homo* (95 str.);
č. 120. Alcyone-W. W. Mann: *Ĉe la piedoj de la majstro* (87 str.);
č. 121. Bibl. T. E. K. A. n-o 1. Dr. Swiecicki-M. Czerwiński: *Pri estetiko en medicino* (34 str.);
č. 122. H. Conscience-Fr. Schoofs: *Kion patrino povas suferi* (40 str.);
č. 123. J. M. van Stiprian Luïscius-E. L. A.: *Karaktero* (29 str.);
č. 124. Cachin-Berland a Vergnaud: *Laborista klaso* kaj socialismo (19 str.).

Knihy jsou zasílány členům Svazu **pouze na požádání** a za náhradu poštovného. Při objednávce buďtež uvedena čísla několika knih, aby bylo lze tři ze žádaných vybrati. Čísla knih nezaslaných buďtež znovu opakována při nové objednávce. Knihy buďtež po 2 týdnech vráceny! — Roční členský příspěvek 4 K (tato revue jest zasílána členům zdarma; novým členům zašle se odznak). Adresujte redakci Č. Č. E. Praha II., Dittrichova ul. 7.

E. K. en **Praha** malfermis la 17. II. novajn kursojn elementan (lundo) kaj superan (mardo), en kiuj instruas s-o K. Procházka. La kunvenoj, okazantaj ĉiun vendredon, donas al la membroj okazon aŭdi kaj paroli esperante. Ni notas precipe la interesajn paroladojn de s-o Novák pri la historio de horloĝo kaj de s-o ĉefl. Hollegcha pri la nuna stato de la balkana milito. La ĝen. kunv. (14. II.) reelektis la membrojn de la komitato: s-on prof. dr. Rosický prezidanto, s-on K. Procházka vicprez., s-on Ing. Fr.

Kühnl sekr., s-on Fr. Novák kas., s-on J. Bohuslav bibl. kaj s-ojn Borovský, Poustka. Dus. Anst.: s-o Ed. Kühnl, f-ino M. Dundrová, s-o V. Cimr. La ĉeestintoj esprimis per viva aplaŭdo koran dankon al s-o Bohuslav por lia sinoferemo ĉe la ordigo de la biblioteko. Ĉar preskaŭ 50 libroj (el 600) perdiĝis inter la eksmembroj, estis decidite, ke nun ĉiu prunteprenanto devas pagi kiel garantiajon (redonotan) 2 K. Ankaŭ la alteco de la kotizaĵo estis ŝanĝita: de post nun la membroj pagos jare 2 K. Tiu ĉi revuo estas abonata aparte (por 3 K) de la membroj, senpere ĉe nia administracio. Oni atentigas pri la riĉa biblioteko kaj pri 30 esp. gazetoj legeblaj en la kunvenejo (Vodičkova 38.). — La E. K. en **Smíchov** disponigas al la vizitantoj de la kafejo en „Národní Dům“ kvar esp. gazetojn. Jara kotizaĵo 1 K. — La ĝen. kunv. en **Žižkov** (25. I.) en hotelo „Tichý“ elektis: s-on F. Winter prezid., s-on V. Brož vicprezid., s-on Jos. Rotter sekr. (Orebitská ul 636), s-inon M. Dobešová kas., s-on J. Bohutínský bibl. kaj f-inon M. Balejová, s-on K. Kopecký. Novaj kursoj komenciĝas.

E. K. en **Louny**. La 7. II. elektis la ĝen. kunv. la sekvantan komitaton: s-inon M. Černá prezid., s-ino M. Hronková vicprez., s-o Jos. Kolmistr sekr., s-on V. Myška kas. Membroj de la kom.: f-ino M. Urbanová, f-ino M. Strachotová, f-ino M. Janková, s-o J. Langer. Anstt. f-inoj M. Kolmistrová, J. Jirásková, s-ino M. Hypiusová, rev. s-oj Dušek, Boh. Pergler; anstt. s-o J. Král. — E. K. en **Nymburk** reelektis la 30. I. sian komitaton sen ŝanĝo: prez. s-o arĥ. Novotný, vicprez. s-o Ad. Neumann, sekr. s-o Stein. kas. s-o J. Mottl. Nova kurso progresas tre kontentige. — **Slaný**: ĝen. kunv. okazis la 22. II. — Ĝen. kunv. de la E. K. en **Č. Budějovice** elektis la 8 II. la sekvantan komitaton: s-on F. K. Svačina prezidanto, s-on Boh. Kácl vicprez.. s-on Vojt. Matouš sekr., f-inon Cilka Maťhová bibl., f-inon Hedv. Chocholková kas., s-on Fr. Kroutl protok. kaj s-ojn K. Curda, V. Panuš, J. Hronek, J. Slivka, V. Vaník. La 22. I. okazis en la kunvenejo (salono de „Katol. tovaryšstvo“) amuza vespero kun danco. La pasintan jaron gvidis kurson malfermitan per parolado de s-o ĉflt. Hollegcha „U tří kohoutů“ f-ino Maťhová (de post la 9. X.; 37 personoj; merkredo, sabato). La klubo havas 51 membrojn (inter ili 12 virinojn); en la biblioteko estas 120 libroj; ĝisnuna spezo mil K. La membroj kune kun la kursanoj adiaŭis la 26. X. ĉe festa vespero s-on ĉeflt. Hollegcha, kiu kortuŝite respondis je la vortoj de s-o faka instr. F. K. Svačina. Dum la vespero oni kolektis 10 K por la suferantaj sudslavaj fratoj; krom tio oni subskripcie kolektas pluan ofermonon. — En **Rakovník** sukcesis gajni por Esperanto la redakcion de semajna gazeto „Rakovnické listy“ vicprezidanto de E. K. s-o F. X. Kučera, kiu en la nomita gazeto redaktas nun regulan rubrikon pri E. Li preparas en Kněževes ekspozicion, kiu estos malfermita dum vakanco. Laŭ propono de s-o Pokorný estos ekspozicio malfermita ankaŭ en Rakovník. Generala kunveno okazis la 19. I. — Esperantisto Klubo en **Hradec Králové**: Kurso por 10 lernantoj, gvidata de s-o Jan Michálek, estis malfermita la 4. II. — E. K. en **Radvanice** (Silezio) en sia ĝen. kunv. la 15. II. 1913 decidiĝis labori laŭ nova programo Interalie oni projektas teatran prezentadon. — **Mladá Boleslav.** Kurso malfermita de s-o J. Moucha en la lernejo donis al nia afero kelke da novaj amikoj, kiuj partoprenis la ĝen. kunvenon 22. I. Estis elektita: s-o K. Brandejský prezid., f-ino V. Gardavská vicprez., f-ino M. Huta-

řová kas., s-o J. Moucha sekr., s-o Fr. Ouřecký bibl. En „Národní restaurace“ okazas la kunvenoj ĉiun merkredon. La klubo estas restarigita danke la senlacan klopodon de s-o J. Moucha, kiu serĉas ĉiel diskonigi nian aferon, jen per artikoloj en la lokaj gazetoj, jen per kursoj. La pasintan jaron li gvidis kurson en Kosmonosy. — Niaj samideanoj en **Wien**, kvankam peze sentante la ĉiuflankan mankon de neforgesebla prezidanto s-o Macháček, tamen daŭrigas la laboron senlace. En la kurso vizitata de 10 lernantoj (instruas s-o R. Dostal) oni lernas la konversacion. — „Vídeňský Denník“ (18. II.) raportas en longa artikolo pri la kultura barbareco de la viena magistrato kontraŭ bohemaj lernejoj, citante la artikolon, kiun publikigis s-o F. Franc en Int. Socia Revuo. La artikolo estis tradukita en lingvojn holandan kaj francan. La redakcio akcentas la signifon de E por informado de fremdlando pri nia nacio. En la sama gazeto ni legis artikolojn pri la enteriga festo de s-o K. Macháček, super kies tombo eldiris adiaŭajn vortojn boheme kaj esperante s-o Klimeš. La klubo ricevis grandan kvanton da kondolencaj leteroj el la tuta mondo.

Bohemoj en **Ameriko**. En Chicago laboras kun bela rezultato per kursoj s-o Jos. Pohanka. La ekzamenon plenumis f-inoj Rosy Tibera, Fr. Mrkvička kaj s-oj M. Kolář, Jos. Kovařík. Novaj kursoj estis malfermitaj en parko de Sv. Čech (gvidata de s-o dr. B. K. Šimonek; merkrede, dimanĉe) kaj en lernejo de V. Náprstek (s-o Pohanka; dimanĉe). Ambaŭ estas multnombre vizitataj. (*Jos. Mir.*) — Loka Grupo de Č. O. B. en **Olomouc** aranĝos (2. III.) amuzan vesperon por vizitantoj de sia unua kurso esperanta. — La regularo de „I. Klubo Dr. Zamenhof“ en **Kladno** estis aprobita. — La 16. II. okazis en **Přelouč** propaganda parolado de Dr. Fousek kaj de Dr. Schulhof pri Esperanto, kiun vizitis 60 personoj. Kurso de s-o Jean Pour finiĝis la 31. I. kun 15. lernantoj, lia nova kurso por 20 gastoj komenciĝis la 10. II. 1913. Samtempe li malfermis kurson superan. — E. K. en **Kladno** anoncis sian ĝ. kunv., kiu okazis la 9. II. — **Plzeň**. La movado, pri kiu ni malmulton povis raporti dum la lastaj du jaroj, rekomenciĝas kun plena energio: Gravan antaŭenpuŝon ĝi ricevis per starigo de laboristaj grupoj kaj per parolado, kiun aranĝis s-oj Fr. Kavan kaj B. Tittl en la komercista klubo: „Klub Českých Obchodníků“ en Měšťanská Beseda la 16. I. La bonegan rezultaton de tiu ĉi entrepreno pruvas kurso, kiun gvidas en la nomita societo s-o B. Tittl por pli multe ol 50 diligentaj membroj. Ni gratulas la iniciatintojn kaj ĝojos, se ni povos helpi ilian laboron (El „Český Denník“). — La Klubo, kiu siatempe estis membro de B. U. E., havis la 20. II. sian ĝ. kunvenon, en kiu oni decidiĝis forigi la inertecon regintan dum la lasta tempo en la kluba vivo per elekto de novaj personoj por la reprezentado de la Klubo. Jen la nova komitato: Prez. s-o Petr Novohradský, vicprez. s-o inĝ. R. Novák, sekr. s-o B. Tittl, bibl. s-o Al. Loukota, kas. s-o instr. Jos. Valenta, protok. s-o instr. Al. Kasal, revuisto s-o Em. Kubásek, arĥ. s-o Xaver Kutílek; vickomitatanoj f-ino Heda Vlčkova kaj s-o instr. J. Bůžek. Rev. s-o Fr. Zikan kaj Jos. Brožík; anst. s-o K. Šindelář. La kunvenejo troviĝas nun en kafejo „Sport“.

La 20. II. perdis nia estimata amiko, sinjoro F. K. Svačina en Č. Budějovice sian amatan patron, emer. lernejestron en Purkarec. En nomo de ĉiuj konatoj ni esprimas al li la plej profundan kondolencon.

# INFORMOJ PRI LA BOHEMA NACIO.

**Jubileo de Louis Leger.** La 13. de januaro 1843 naskiĝis viro, kiu dediĉis sian vivon kaj sian laboron al la slavaj nacioj: Louis Leger, la unua franca slavisto, kiu estas propra aŭtoro de la hodiaŭa franca-slava amikeco. En la j. 1864 entreprenis la juna slavisto sian unuan vojaĝon al Praha kaj sub freŝaj impresoj li tradukas „Manuskripton de Králové Dvůr" en lingvon francan (1866). Baldaŭ sekvis la libro „L'Etat Autriche", kaj kun helpo de Frič, kiu gajnis lin por la slavofila ideo, aperas „La Bohême Historique Pitoresque et Littéraire", kaj Francujo ricevas per tio ĝustatempe libron pri la bohema nacio, kiam la scio pri ni estis minimuma. El liaj verkoj estas speciale citindaj: La historio de Aŭstria-hungaria monarkio; St. Cyril et Methode; Le monde slave; Les Etudes slaves; Nouvelles études slaves; Contes slaves; Mythologie slave; Prague; Les Slaves au XIX. siècle; Souvenir d'un slavophile et La renaisance tchèque en XIX. siècle ktp.

Post Leger venas Denis, historiisto-poeto, kiu donas al la verko de Leger novan formon kaj en sia grandioza historio malfermas al ni promesoplenan perspektivon. Leger sin turnadis al la franca popolo kaj al vastaj sferoj, por kiuj, kompreneble, la verkoj de Denis estas nealireblaj. Leger kaj Denis ĉiam restos por ni du nomoj, kiujn ni elparolados kun estimo kaj senlima dankemo, du nomoj por ni egale karaj.

La maljuna slavisto, kiu ĝis hodiaŭ estas aktiva profesoro de la slavaj lingvoj kaj literaturoj ĉe Collège de France en Parizo, ricevis plenmerititan eminentigon. Li estis elektita prezidanto de „Académie des inscriptions de belles lettres", li estas membro de „Institut de France", de Reĝa Scienca Societo, de Bohema Akademio kaj de granda vico da slavaj akademioj, posedanto de ora medalo de la reĝa ĉefurbo Praha ktp.

Okaze de tiu ĉi signifoplena jubileo gratulis al sia granda amiko Leger la tuta bohema nacio kaj centoj da korporacioj bohemaj, inter kiuj ankaŭ Centra Asocio B. U. E. kaj Esperantistaj Kluboj en Praha kaj en Wien.

# JAZYKOVÝ RÁDCE — LINGVA FAKO.

En marbaneja restoracio sidis fama angla generalo. Al la najbara tablo sidiĝis fremdulo, fiera pri sia granda havaĵo, kiu pro alta staturo estis objekto de ĝenerala atento. Post la tagmanĝo venis okazo, ke la gastoj reciproke sin prezentadis; kiam la generalo, viro malgrandstatura, estis prezentita al la fremdulo, tiu ĉi, almetinte la manon kvazaŭ lornon al la okulo, diris malice (sarkasme): „Tre multe mi jam aŭdis pri vi, sed ankoraŭ neniam mi

havis la plezuron vin ekvidi". Sen longa embarasiĝo respondis la generalo: „Mi kontraŭe havis la plezuron tre ofte vin vidi, sed ankoraŭ neniam mi aŭdis pri vi eĉ unu vorton".

Eminenta verkisto partoprenis la tagmanĝon ĉe grafino N. Kiam post la manĝado estis prezentata kafo, li prenis per la mano kelke da pecoj da sukero el sukerujo, ne rimarkinte la apude kuŝantan prenilon. La grafino mansignis al servisto, ke li tuj forportu la sukerujon kaj ke li metu alian sur la tablon. Nia gasto rimarkis tiun ĉi multediran ordonon, sed li diris nenion kaj kondutis kiel antaŭe. Kiam li fintrinkis la kafon, li alpaŝis al malfermita fenestro kaj eljetis tra ĝi sian multekostan tason. La grafino ekkriis pro ektimo: „Kion vi faras?" „Nenion neordinaran," rediris la verkisto, „mi eljetis la tason, el kiu mi trinkis; neniu trinkos ja el ĝi post mi."

Utileco de libroj. Mark Twain, (estinte) demandita, ĉu estas konvene donaci libron kiel memoraĵon, respondis: Sendube! Libro ĉiam estas objekto utila. Se ĝi estas bone bindita, ĝi mirinde utilas por akrigi la razilon. Malgranda libreto ludas gravan rolon sub lama piedo de tablo kaj restarigas ekvilibron. Dika kaj malnova, kun metalaj anguloj, estas bonega kaj utila ĵetaĵo kontraŭ hundoj kaj ĝenantoj. Fine, per granda kaj larĝa, kiel atlaso, oni povas plej bone anstataŭi rompitan vitron en fenestro.

*(Přeložte):* Bulharsko. Dne 5. října 1909 prohlásil bulharský kníže Ferdinand v Trnově Bulharsko samostatným královstvím. V manifestu k národu mezi jiným praví: „Já a můj národ přejeme si politického omlazení Turecka a těšíme se z něho. Svobodné a neodvislé Turecko a rovněž svobodné a neodvislé Bulharsko mají podmínky, aby vytvořily vzájemné přátelské svazky, aby je upevnily tím způsobem, že budou usilovati o mírumilovný vývoj. Prodchnut jsa myšlenkou na toto svaté dílo a abych vyhověl potřebám státu, prohlašuji, prose o požehnání Všemohoucího, Bulharsko r. 1885 spojené, neodvislým královstvím. Já a můj národ máme za to, že tento čin bude schválen velmocemi. Nechť žije bulharský národ a neodvislé Bulharsko." Nový král oznámil ihned svůj čin Turecku. Politicky bylo toto prohlášení akt povahy formální. Bulharsko si vedlo samostatně hned po berlínském kongresu za Alexandra Battenberga. Neplatilo sultánovi poplatku, uzavíralo smlouvy obchodní, zbrojilo a cvičilo armádu. Suverenita sultánova byla jen titulární.

Po amerikánsku. Pastor John, velký muž v malé vesnici M., který byl velmi přísným pastýřem, jehož vlídná ruka málokdy byla pro jeho ovečky otevřena, byl velmi nemocen, a jeho přátelé se uradili, že budou napodobovati způsob obvyklý při jiných velkých mužích a uveřejňovati zprávy o jeho nemoci. Tak se stalo, že jednoho krásného dne zbožní osadníci četli na tabuli: „V šest hodin večer: stav pastora Johna jest nebezpečný". — „V 7 hod. večer: pastoru Johnovi vede se lépe". — „V 9 hodin večer: stav nemocného se zhoršil." — „V 11 hodin večer: Pastor John odešel do nebes." Časně ráno jakýsi šibal, který měl na pastora s kopce, jda mimo, připsal pod tuto poslední zprávu: „Nebe, 7. hodin ráno: Zde ohromné vzrušení. Pastor John sem nepřibyl."

*(Esper. překlad viz. v čís. 3.)*

**Deveno de la nomo „Esperanto".** La nomo de nia lingvo ne estas elpensita, jen estas ĝia historio: Eldonante la unuan lernolibron de nia lingvo, mi prenis por mi la pseŭdonimon „Esperanto"; la

lingvo mem havis nenian propran nomon kaj estis nomata „la lingvo internacia proponita de Esperanto". Pro oportuneco oni komencis uzadi la esprimon „lingvo de Esperanto" (die Esperanto-Sprache); aliaj esprimoj, kiujn kelkaj provis uzadi (ekzemple „la lingvo internacia", „la internacia"), montris sin ne oportunaj kaj ne enfortikiĝis, ĉar ili estis ne bone elparoleblaj, ne memoreblaj por la publiko kaj prezentis nenion difinitan (ĉar sub „lingvo internacia" oni povas egale bone kompreni la Volapükon aŭ aliajn proponitajn projektojn). Baldaŭ montriĝis, ke nur la vorto „Esperanto" (sole aŭ kun aliaj vortoj) klare diferencigas nian lingvon de la aliaj, kaj multaj amikoj komencis baldaŭ en siaj leteroj aŭ artikoloj uzadi simple la solan vorton „Esperanto", ekzemple „la afero Esperanto", „skribi en Esperanto" k. c. Tiel iom post iom ellaboriĝis unuvorta nomo de nia lingvo. Vidante, ke mia komenca pseŭdonimo transiris al la afero mem, kaj ke ĝi estas tre oportuna, mi baldaŭ tute ĉesis uzadi mian pseŭdonimon, kaj ĝi restis nur kiel nomo por la afero mem. La nomo „Esperanto" estas per si mem tute senlogika; sed en sensignifa kondiĉa nomo kial ni bezonas logikon?

*Dr. L. L. Zamenhof*: *La Esperantisto* 1890, pĝ. 60.

# BIBLIOGRAFIO.

Franca Esperantisto: ***Studo pri la organizo de Esperanto.*** Étude sur l' organison de l' Espéranto (18 × 24; 64 pĝ.) Prezo 75 hel. Resumo de la kongresaj decidoj rilate la ĝeneralan organizon de Esperantistoj, konkludoj kaj projekto, kiel solvi tiun ĉi vigle priparolatan demandon. — Esp. Centra Oficejo: Dr. L. L. Zamenhof: ***Lingvaj respondoj***; nova serio (16 × 24; 33 pĝ.). Prezo 75 hel. Tre valora broŝuro, kies publikigo estas certe de ĉiu amiko de nia lingvo laŭdata. Krom la nove kolektitaj respondoj (en „La Esperantisto" 1890) enhavas la verko tabelon de ĉiuj 118 klarigoj, kiujn donis dr. Zamenhof pri la lingvaj demandoj dum la 25 unuaj jaroj de Esperanto. Ni esprimas la esperon, ke tiu ĉi verko ne estas la lasta de tiu speco. — Ĉe la sama eliris: ***Bibliografio de Esperanto.*** Parto unua (16 × 24; 105 pĝ.). Prezo 2 K. Tiu ĉi katalogo enhavas analizajn resumojn de la verkoj publikigitaj en Esp. aŭ pri Esp. de post 1887 (apero de la lingvo) ĝis la fino de 1903; la resumoj ordigitaj laŭ kronologia ordo, formas kun la tabeloj, kiuj kompletigas la verkon, unuan kompletan „repertuaron" pri tiu ĉi periodo de 16 jaroj. En la laboro estas daŭrigate laŭ la sama plano. La tekstoj estas presataj sur unu flanko de la papero por ke oni povu ilin uzi ĉe starigo de „slipaj" katalogoj. Sume oni raportas pri 325 eldonaĵoj. — Esperantista scienca kaj literatura libraro en Kraków, str. Retoryka 10. Dr. J. B. Marchlewski: ***Ekonomia socia,*** kio ĝi estas kaj kion ĝi instruas. Laŭ la pola eldono esp. E. Pfeffer (11 × 18; 67 pĝ.). Prezo 24 hel. La eldonintoj (Kronenberg, Pfeffer, Czubryński) celas per eldonado de facile kompreneblaj sciencaj verkoj veki la homan konscion en ĉiuj direktoj kaj aperoj de la vivo kaj helpi tiel la profundigon de la homa mondkompreno. Ili volas per sia vere plej malkara verkaro okupi la ĝis nun nezorgatan kampon de la scienca populara literaturo esperanta. Ĉar la bonstile redaktataj volumoj de tiu

ĉi nova biblioteko kostas sole tiom, kiom kostas ilia preso, certe ĉiu libro trovos la plej grandan disvastiĝon. Post alsendo de almenaŭ K 2·40 ĉiu ricevos senprokraste kolekton da libroj jam aperintaj (almenaŭ 640 paĝoj da teksto! Tre rekomendinda.). Ĝis nun aperis ses volumoj: Franca revolucio. La moderna alkoholismo. Teksistoj de Hauptman. La politiko de la popolo. Bölsche: La deveno de homo. — Presa Esperantista Societo en Paris: ***Esperanto. Klasika libro.*** Ordigita kaj kontrolita de Th. Cart kaj Em. Robert (6·5 × 8·5; 155 pĝ.). Prezo 1 K; kun ingo K 1·25. La miniatura verketo, tre konscience ellaborita kaj kun granda zorgo presita estas plaĉa juvelo, kiu entenas ne novajn, sed tiom pli relegindajn regulojn, kiujn antaŭ 25 jaroj donis la genia aŭtoro de Esperanto al la mondo. Oni trovas en ĝi krom aliaj dokumentoj la 16 oficialajn regulojn de nia gramatiko, kaj la radikojn de la Fundamenta Vortaro kun tiuj de la I. Oficiala aldono; la klarigoj estas aldonitaj en la lingvoj franca, angla kaj germana. La ideo eldoni tiun ĉi „ŝlosilformatan“ libron meritas aprobon kaj subtenon — Ĉe la sama: ***Poŝtkartoj Esperanto-Paris.*** II. serio. Ĉiu serio konsistas el 12 vidaĵoj zorge elektitaj kaj arte prezentitaj (kun klariga teksto en Esperanto). Prezo 55 hel. Ambaŭ serioj (24 kartoj 1 K afr.) Korespondante kun viaj parizaj samideanoj, ĉiam petu ilin, ke ili sendu al vi la ĵus eldonitajn kartojn esperantajn. La belega urbo kaj ĝia bone konata movado esperanta meritis jam antaŭ longe tiun ĉi eldonaĵon. — Ĉe la sama: Ch. Wagner: ***Estu homo!*** Trad. Sam. Mayer. Rekomendita de E. L. A. (11·5 × 18; 97 pĝ.). Prezo K 1·25. Leginda temo respondanta la demandojn: De kie ni venas? Kiuj ni estas? Kion ni devas fari? Kien ni iras? Koncerne la stilon: la leganto estos plenkontenta. Ĉetere, kiu ne memoras la fluecon de la stilo ke nia Meyer, tradukinto de Carmen, La Barbiro de Sevilla, Vojaĝo interne de mia ĉambro, La Avarulo, La Supujo?

# POKYNY.

Zasíláte-li komukoliv peníze, vždy poznamenejte na útržku pošt. poukázky zač má býti obnos účtován. Platy menší než 2 K jest výhodnější zaslati dopisem ve známkách 5—10 hal. (Upozorňujeme, že zaslání peněz pošt. poukázkou stojí alespoň 19 hal.!) Placení složním listem pošt. spořitelny jest nejvýhodnější. Vyrovnejte účet vždy tím listem, který jest k zásilce přiložen, protože jest na něm naše soukromá poznámka o platu i objednávce. — Vždy opakujte ve svých dopisech svou adresu. — Zprávy určené pro časopis pište na zvláštním listě nebo dopisnici, jinak může se snadno opomenouti zpráva poznamenaná „mimochodem“ na objednacím lístku.

Abychom ušetřili času a zjednodušili práci administrační, zasíláme toto 2. číslo jakož i další **pouze** těm předplatitelům, kteří před platné zaslali. Mnozí, jak zkušenosti nás poučily, jsou liknaví k obnovení předplatného, ač o nich určitě víme, že jako horliví příznivci Esperanta naši revui budou i dále odebírati. Uvidí-li vaši přátelé u vás toto číslo a vysloví podiv nad tím, že sami je dosud neobdrželi, zeptejte se jich, zda zaslali předplatné. (Jest nemožno stanoviti náklad 2. čísla, dokud jistý počet předplatitelů neobnoví předplatné. Proto nevyšlo toto číslo již začátkem února!)

**?? CHCETE DOSTÁVATI ZDARMA MĚSÍČNÍ ESPERANTSKOU REVUI S LITERÁRNÍ PŘÍLOHOU :: :: „ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ" :: :: ??**

Sídlíte-li v místě, kde není klubu, přihlaste se za člena svazu jednotlivců: „Ligo-Bohema Asocio Esperantista". Roční členský příspěvek 4 K. Adresa: Praha II., Dittrichova 7.

**CHCETE SI DOPISOVATI S CELÝM SVĚTEM POMOCÍ ESPERANTA?**

Zašlete nám svou adresu (s podotknutím: o čem?) pro **Ročenku** českých Esperantistů-korespondentů, která vychází vždy, jakmile sejde se 400 nových přihlášek a která jest rozesílána zapsaným i spolkům do celého světa. (Přiložte 40 hal. ve známkách.) Vyhledejte si adresy koresp. v „Časopise Českých Esperantistů".

**CHCETE SE POBAVITI ČETBOU ESPERANTSKÉHO TEXTU?**

Objednejte si esp. satiru: **Sherlock Holmes en servo de Hispana trono.** Cena 75 hal. vypl.

**CHCETE ZALOŽITI VE SVÉM MĚSTĚ KLUB ESPERANTSKÝ?**

Žádejte o bližší informace kancelář Ústř. Svazu B. U. E.

**CHCETE SE SEZNÁMITI S ŘEČMI DR. L. L. ZAMENHOFA, PROSLOVENÝMI NA ESPERANTSKÝCH KONGRESECH?**

Objednejte si: **Deveno kaj historio de Esperanto.** 60 hal.

**CHCETE BÝTI INFORMOVÁNI O SOUČASNÝCH VÝZNAMNÝCH UDÁLOSTECH VE SVĚTĚ ESPERANTSKÉM?**

Odebírejte měsíční revui **Časopis Českých Esperantistů** za roční předplatné 3 K.

**CHCETE SI SNADNO OSVOJITI ZNALOST ESPERANTA?**

Čtěte esp. překlad **Babičky** vycházející v „Časopise Českých Esperantistů" a porovnávejte ho s českým originálem. Přihlašte se za člena některého spolku, kde máte příležitost hovořiti esperantsky.

**CHCETE SI LEVNĚ OPATŘITI VZORNOU ESPER. ČETBU?**

Obohaťte svou knihovnu úplnou kollekcí ročníků „Čas. Čes. Esper.", který vychází od r. 1907. Starší ročníky za cenu sníženou.

**CHCETE SE SEZNÁMITI S ESPERANTSKOU LITERATUROU?**

Dejte si zaslati esp. katalog firmou Topič v Praze (zdarma).

**CHCETE INFORMOVATI SVÉ KORESPONDENTY O PRAZE?**

Zašlete jim esp. **Průvodce po Praze** (60 hal.) a **Gvidfolio tra Praha** (2 hal.). **Pohlednice na Prahu** s esperant. textem (světlotisk) po 6 hal. Serie 30 různých druhů K 1·70 vypl.

**CHCETE PROSPĚTI PROPAGANDĚ ESPERANTA?**

Rozšiřujte mezi svými známými **Klíče Esperanta** po 5 hal. a informační listy o Esperantu, které vám na požádání zašle Esp. kancelář v Praze (poštovné!). Používejte ke své korespondenci obálek s informačním textem o Esp. (50 ex. 50 hal.), pohlednic s fot. Dr. Zamenhofa (20 ex. K 1·10), esp. nálepek (100 ex. 43 h., 1000 ex. K 3·50) a noste

**Odznak Esperantistů** (pěticípá zelená hvězda s písmenou E v bílém kruhovém poli) zák. chráněn 70 hal., menší 50 hal. vypl.

**Objednávky adresujte:**

**ESPERANTO-OFICEJO EN PRAHA II., VODIČKOVA 38.**

**KORESPONDANTOJ:** (N-oj. 16.—22. el Ruslando.) *16. S-o Nik. Eger, stud. mat., *Dorpat*, 13. Alleestr. (Jurjev). — *17. S-o Ber. Hiršzon, *Taurogen*, Kovna Gub. (kor. kun gelernantoj). — *18. S-o Alex. Rjazancev, *Petergof*, Petergofskaja ul. 9—2 loĝ. 15. (ĉiam resp.). — *19. S-o Eug. Rjazancev, *Kronŝtadt*, Aleksandovskaja ul. Dom Maĉigina 1—20. (ĉiam resp; p. m. bildflanke). — *20. S-o A. Paperno, *Voroneĵ*, Nikitinskaja 19. (invitas esp. aŭtorojn kunlabori en bela liter. revuo; specimeno kaj informoj por unu resp.-kup. Koresp. letere pri „Tutmonda Junula Asocio", interŝ. esp. jurnalojn kaj sigelmarkojn). — *21. S-o D. P. Popov, *Dresna*, Moskva gub. Fabriko Zimin. — *22. S-o V. Basov, *Orel*, Puŝkarnaja ul. 5. (kor. pri gejunula organizo; sendas laŭdezire il. k. aŭ eldonaĵojn de „Tutmonda Junula Asocio"). — *23. S-o Alcides Natal, *Bicas*, Ŝtato Minas, Brazilio (il. k., p. m.). — *24. S-o José Jarba, Paris XIX. Rue d' Allemagne 14. — *25. S-o Jaka Vodanovič. G. P. O. *Auckland*. New-Zealand. — *26. S-o Jos. Campelerros, komercisto, *Cervelló* pra Barcelona, Hispanujo (il. k. kun esp. tekstoj.). — *27. F-ino J. Depuit, studentino *Arendonk*, Koeistraat, Belgujo (il. k., p. m.). — *28. S-o Vlad. Lazarov, gimnaziano, *Vidin*, Taŝkinpria, Bulgarujo (il. k., p. m., ĉiam resp.). — *29. F-ino Jordanka Daŝinova, instruistino, *Peŝtara*, Bulgarujo (kor. por perfektiĝi). — *30. F-ino E. Hemeleers, *Bruxelles*, 226. Chaustée de Haecht, Belgujo. — *31. S-o Lud. Balint, bankoficisto, *Adony*, Hungarujo (il. k., p. m.). — *32. S-o Giraud, sekr. de la Provenclanda Federacio, *Marseille* 2, rue du Nil, Francujo (donas adresojn de lokaj korespondantoj). — *33. S-o Bernard, *St. Denis*, 9. pl. Victor Hugo, Francujo (donas adresojn de 100 korespondantoj). — *34. F-ino Martin, 145. Huddlestone-road. Tufnell Park *London N. W.* (17 anglaj knabinoj serĉas korespondantojn). — *35. S-o R. T. Hagood, *Agricola* (Miss.) U. S. Amer. (il. k.; ĉiam tuj resp.). — *36. S-o C. Price, ĉe Mrs. Paterson, Laing and Bruce, *Townsville*, Sturt-street (North Queensland) Aŭstralio. — *37. S-o Nestor Cravo, Edificio de Immigracio, *Juiz de Fóra* (Est. de M. Geraes Brazilio (il. k., p. m.; ĉiam respondos).



Eldonanto: **Ed. Kühnl.**
Presejo de Národní tiskárna a nakladatelství spol. s r. o. v Praze.